„Mutig vorwärts!" **Aŭstria Esperantisto** „Kuraĝe antaŭen!"

# Aŭstria Esperantisto
## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Asocio

**6a jaro. No. 7** **Monata** **Julio 1929**

Redaktejo kaj administrejo: Korneuburg ĉe Wien, Postfach.

Konto bei der Postsparkasse D-123.826 u. 36.783 (Sparkasse Korneuburg).

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ. Ŝ 4.80, germanlandanoj RM 3.25 alilandanoj sv. fr. 4.25; ponumere: por enlandanoj 45 aŭ. g., eksterl. 55 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

## »Antaŭkongreso al la XXI-a« kun »Malfermo de Intern. Esperanto-Muzeo en Wien«.

Wien, 30. julio—2. aŭgusto 1029.
Leteradreso: Wien, I. Annagasse 5.

**Protektoro:** Prezidanto de la Respubliko Aŭstrio, Wilhelm Miklas.

### Internacia Honora Komitato:

**Aŭstrio:**

Kanceliero Ernst Streeruwitz
Ekskanceliero d-ro Ignatz Seipel
Ministro por Instruado d-ro Czermak
Ministro p. Komerco d-ro Schürff
Eksministro Schmitz
Landestro d-ro Buresch
Eksministro landestro d-ro Rintelen
Vicurbestro de Wien Hoss
Ĉefepiskopo de Wien, kard. d-ro Piffl
Ekskanceliero policprez. Schober
Sekcia ĉefo d-ro Uebelhör
Ĝeneraldirektoro de National-Bibliothek univ. prof. d-ro Bick
Univ. prof. d-ro Molisch, membro de Akademio por Sciencoj en Wien
Prof. de Teknika Altlernejo d-ro, d-r' inĝ. Schumann
Ĝen. direktoro d-ro Maschat

**Belgujo:**

Ambasadoro en Wien Le Ghait

**Britlando:**

Sir William E. Clegg, C. B. E., LLD., I. P., Vic-Kanceliero de Universitato Sheffield
Sir Dennison Ross, Profesoro por orientaj lingvoj de Universitato London

**Finnlando:**

Prof. Väinö Voionmaa de Universitato Helsinki

**Germanlando:**

Ambasadoro en Wien Grafo Lerchenfeld

**Italujo:**

Generalo March. Carlo Cordero di Modtezemolo, Castiglioncello

**Japanujo:**

Ambasadoro en Wien Morio Ohno

**Esperantujo:**

Prof. Cart, prez. de E.-Akademio, Paris
John Merchant, prez. de ICK., Sheffield
D-ro E. Privat, Honora prez. de ICK., Genève
Generalo Sebert, membro de Scienca Akademio en Paris
Leono Zamenhof en Warszawa

### Internacia Kuratora Komitato.

**Aŭstrio:**

Eksdirektoro Schamanek-Tullnerbach

**Britlando:**

W. E. Collinson, prof. d. germana lingvo kaj honorofica docento de lingvoscienco en Universitato Liverpool
Prof. J. Flügel en Universitato London

**Finnlando:**

Fil. magistro Vilho Setälä-Helsinki

**Germanlando:**

Prof. Paul Christaller-Stuttgart

**Germana Ligo en Ĉeĥoslovakujo:**

Prez. Prof. inĝ. Gustav Scholze-Reichenberg

Hungarujo:

Julio Baghi-Budapest
d-ro K. de Kaloczay-Budapest
d-ro de Takacs-Budapest

Italujo:

Gaetano Facchi-Brescia
Prof. d-ro Bruno Migliorini-Roma

Jugoslavujo:

D-ro Duŝan Maruzzi-Zagreb

Nederlando:

H. J. Bulthuis-Haag
D. Uitterdyck-Hilversum

## Loka Kuratora Komitato:

Ĉefinsp. Hugo Steiner, fondinto kaj prezidanto
Min.-kons. V. Hawlik, vicprezidanto
D-ro E. Sós, kasisto
Walter Smital, sekretario
Instr. G. Weber, sekretario
Polica kons. L. Buchsbaum
Instruistino M. Dietrich
Provincialo de Piarista Ordeno P. F. Mestan
Instruistino M. Müllner

## Programo:

**Atentu! Kongresejo I. Annagasse 5, I. etaĝo, malfermita la 30. kaj 31. VII. de 8.—18. h. Telefono R 22-2-22 ■ Kuponoj antaŭpagitaj estu en hotelo, restoracio ktp. uzataj anstataŭ mono. Nehavantoj ilin havigu al si en la kongresejo por propra profito. ■ Manĝbiletoj uzeblaj en la manĝejoj »Wök«:** I. Wächtergasse 1, I. Herrengasse 16, I. Oppolzerg. 4, I. Bösendorferstraße 11, II. Schönaugasse 2, III. Kundmanngasse 32, III. Kellgasse 2, IV. Karolinengasse 26, IV. Favoritenstr. 11, V. Maretenstraße 103: VI. Esterhazygasse 19, VII. Hermanngasse 24, VIII. Josefsgasse 12, IX. Kolingasse 15. **■ Mendu fotografaĵojn liverotajn samtage (30×40 cm nur S 3.) ■ Biletoj por rondveturado en la kongresejo. ■ Monŝanĝo kaj vojaĝinformoj en la kongresejo.**

30. Julio.

15—19 h posttagmanĝo en kafejo Konstantinhügel en Prater, finstacio de tramlinioj L, H2, 4.

20 h Rathauskeller, Grinzinger Saal, (restoracio en la nova urbdomo), komuna vespermanĝo.

31. julio.

8 h kolektiĝo en la korto de la kongresejo, aranĝo de grupoj por gvidado. De 8·30 ĝis 12·30 h rondiradoj en la urbo kaj rondveturadoj.

13 h komuna tagmanĝo en grupoj en »Wök«-manĝejo.

14 h veturado per tramveturiloj ĝis finstacio de linio 38, de tie malgranda promenado al Kobenzl (20 min.) aŭ veturo per aŭtoĉaroj (S 1.20). Posttagmanĝo.

16·30 h kunveno de Univ. E. Pacifista Ligo (Kobenzl).

17·30 h kunveno de la aŭstriaj delegitoj de UEA. (Okaze de pluvo ni kunvenos je la 16 h en kafejo Collonadenkaffee, I., Rathausplatz 4).

20 h amuza kunveno en restoracio Hengl (elverŝejo de lastjara vino, t. n. »Heuriger«, kun Wien-a muziko.

**TEKA-anoj**: Konferenco de 9—13 h en Allgemeines Krankenhaus, IX., Alserstraße 4, I. korto, Kieferstation (kliniko de prof. d-ro Pichler).

1. aŭgusto.

8·30 h diservo en Minoritenpreĝejo sur Minoritenplatz kun E.-prediko (Prof. d-ro Christanell-Salzburg.)

10 h akcepto de naciaj reprezentantoj kaj eminentuloj el la E.-movado ĉe la prezidanto de la respubliko kaj ĉe la kanceliero en Bundeskanzleramt, I., Ballhausplatz. Eniro nur kun apartaj blankaj kartoj, disdonotaj en la kongresejo. La aliaj samideanoj kolektiĝas sur la placo mem.

11 h akcepto de la tuta kongresanaro en Rathaus (urbdomo) en la festsalonego.

11·30 h fotografado sur la ĉefŝtuparo antaŭ la urbdomo.

12·15 h ĉiuj samideanoj certe kaj precize estu en Prunksaal (pompa salonego) de National-Bibliothek, I., Josefsplatz, por atendi la prezidanton de la respubliko.

**Solena inaŭguro de Internacia Esperanto-Muzeo en Wien.** Poste komuna tagmanĝo en la samaj lokoj kiel antaŭtage.

De tie veturado al Schönbrunn per tramveturiloj, vizitado de la apartamentoj en la kastelo, menaĝerio, palmojdomego (en grupoj je rabatitaj prezoj), parko ktp.

10 h vespermanĝo en Ottakringerbräu, XIII., Hietzinger Hauptstraße 30, proksime ĉe Hietzinger Tor en Schönbrunn.

2. aŭgusto.

8 h forveturo perŝipe de Reichsbrücke (tramlinioj A, Ak, B, Bk) al Budapest. La biletojn oni aĉetu tie.

Aliĝis ĝis nun 450 personoj el 30 landoj inter ili Lydia, Felix, Helene Zamenhof, Emilja Hermelin kaj multaj konataj personoj el la movado.

---

**Sen kongreskarto** oni ne povos partopreni iun ajn aranĝon. Oni ĉiam kontrolos la kartojn.

**Kongresrabatoj!** Senlaboruloj kaj studentoj aŭstriaj kotizas nur **2 S**, blinduloj neniom.

**Helpemuloj! Anoncu vin 8—12 h, 14—18h, en I. Annagrsse 5.** Vi senkoste ricevos kongres-

karton, gvidlibron, gazeton k. c. rekompense por deĵorado la 30. kaj antaŭtagm. 31. julio. Kiu deziros gvidi gastojn laŭ preparita gvidteksto (31. julio atgm.), anoncu sin per poŝtkarto.

**Premia kurso de Esp.-Gruparo Berlin.**

La 25. junio okazis skriba ekzameno, konsistanta el libera rerakontado de dupaĝa E.-proza teksto kaj traduko germ. — E. Kiel germanan tekston oni elektis la unuan parton de la fabelo »Dornrozeto«. En la parola ekzameno la 29. junio la gekandidatoj rerakontis voĉlegitan malfacilan E.-tekston kaj ricevis temon de ili nekonatan, pri kiu ili post kelkaj minutoj devis kvin minutojn libere paroli. — Ambaŭ ekzamenoj daŭris ses horojn. — La ekzamena komisiono (s-roj min.-kons. d-ro Ellerbeck, instr. v. Waldowski, rektoro Wittbrodt, konrektoro Reiche kaj la kursgvid. Glück) premiis f-inon R. Solländer kaj s-inon M. Upmann. Premioj: **Libera vizito de nunjaraj kongresoj en Wien kaj Budapest.**

La ekzameno denove montris, ke E. estas en **12 lecionoj** ellernebla, kaj la kongresanoj havos okazon priĵuĝi tion.

**Das Kleine Volksblatt** aperigis E.-kurson. En fina konknrso estis premiataj la laboraĵoj de f-inoj Mizzi Fritsch, Leopoldine Tiefenbacher kaj anonimulo, ĉiuj en Wien. Ili ricevos kroman premion, po unu kongreskarton por Antaŭkongreso.



## La ideala ŝtato.

El prelego de ministeria konsilanto
Viktor Hawlik
(La 14. aprilo en Unua E.-Unuiĝo.)

Post la mondmilito grave aliiĝis la landkarto de Eŭropo, malnovaj regnoj kun tipaj ŝtataj tradicioj estas neniigitaj, novaj ŝtatoj fonditaj, kaj estas memkompreneble, ke tiuj partioj, kiuj deklaris la iamajn ŝtatformojn kaj konstituciojn antikviĝintaj kaj reformendaj, nun komencis enkonduki praktike siajn ĝisnunajn teoriajn programojn en la novestiĝintaj ŝtatoj. Sendube ĉiuj tiuj klopodoj havis la ununuran celon, servi al la popolo kaj ĝia bonstato kaj fari la ŝtaton ideala.

Mi ne volas esplori, ĉu kaj ĝis kia grado tio sukcesis aŭ sukcesos. Mi ankaŭ ne intencas priskribi, kia estu la ideala ŝtato, aŭ kiel mi ĝin pensas. Mi volas nur doni koncizan pririgardon pri la ŝtatformoj de la fantazio kaj montri, kiel eminentaj spiritoj ĉiutempaj imagis la idealan ŝtaton.

Ni trovas en la historio de la homaro ĉie rememorojn al feliĉa pratempo, al ora epoko. Mi memorigas nur al la Paradizo en la Genezo, al la Elizeo de Homero, al la Insulo de beatuloj de Hesiodo. Ni lernis el la metamorfozoj de Ovido pri la beata, ora epoko »aurea prima aetas«. Sendube koncernas ĉi tiu rememoro la prastaton de la homaro, en kiu ne ekzistis ŝtatoj, superuloj, punleĝo ktp., en kiu la homo vivis ankoraŭ en libereco de la pranaturo. Ĉu ĉi tiu tempo estis efektive tiel ideale bela, pri tio oni ja povus dubi. Ni ĉiuj scias, ke en la memoro precipe la belo kaj bono daŭre vivas kaj eĉ pligrandiĝas, dum la malagrablo kaj malbono iom post iom paliĝas kaj fine tute forgesiĝas. Ĉi tiun naturan staton, pri kiu poste tiom multaj revadis, deklaris jam Platon kiel »vivo inda al porkoj«. Kaj tamen Platon mem postlasis al ni fragmenton de dialogo, en kiu li rakontas pri ideala popolo, kiu cetere jam havis iun kulturon kaj vivis en ora epoko. Ĝi estas la dialogo »Kriteias« aŭ »Athen kaj Atlantis«, tute fabela historio pri sana, morala popolo de Atlantidoj, vivinta en saĝeco kaj pieco, en agrabla vivĝuo kaj ekstera pompo sur la legendeca insulo Atlantis.

Platon esprimis siajn grandajn ŝtatfilozofiajn pensojn kaj ideojn unue en ambaŭ grandaj dialogoj pri ŝtato kaj leĝoj. Ĉi tiuj du verkoj estas kvazaŭ la fundamentoj de ĉiuj postaj fantaziaĵoj pri eblaj aŭ almenaŭ dezirindaj ŝtatformoj.

En dek libroj (Politeia) prezentiĝas al ni grandioza ŝtatfilozofio, pritraktanta ĉiujn branĉojn de homa ekkono. Ili baziĝas sur la ideo de justeco. La plej profundaj principoj de l' Sokrat'a edukaddoktrino estas konigataj, kaj en kon-

cizaj skizoj priskribitaj la formoj de perfekta ŝtato, la reciprokaj interrilatoj de klasoj. La lastaj libroj grave distingiĝas de ordinaraj juro- kaj ŝtatofilozofioj. La tuta verko estas manifesto de justeco, kiel la sola fundamento de morala mondordo, de l' ideala ŝtato.

La dua verko, »La leĝoj (normoj)« estas skribita mallonge antaŭ lia morto kaj entenas kvazaŭ la efektivigajn normojn al lia verko pri la ŝtato. Ĝi estas la fonto, el kiu abunde ĉerpis la postaj utopistoj.

Antaŭ 22 jarcentoj okazis ĉi tiuj dialogoj en Ateno, kaj kvankam kelkio en ili estas tre fantaziula kaj apenaŭ realigebla, tamen ili estas grandaj kaj potencaj pensoj, kies vereco hodiaŭ ankoraŭ validas.

Ankaŭ kelkaj aliaj grekaj filozofoj provis plu konstrui sur la fundamento, preparita de Platon. Inter ili estas mencindaj Theopompos, la historiisto de reĝo Filipo de Macedonio, Hekatäus el Abdera, Jambulos k. a.

Ĉe la antikvaj romanoj la ideoj de Platon, k. ekz. forigo de privata posedaĵo, virinkomuneco, ne povis validiĝi, ĉar ili pli severe konsideris la ideon de propra posedaĵo, ol la aliaj popoloj kaj tre altŝatis la sanktecon de l' geedzeco. Nur unufoje ni aŭdas pri la fondinto de l' novplatona skolo, la filozofo Plotinus, kiu intencis fondi en Kampanio la ŝtaton Platonopoliso laŭ platona modelo. En la unua kristana tempo kaj en la mezepoko apenaŭ oni trovas ekzemplon de ŝtatfilozofia romano. Tio estas ja memkomprenebla, ĉar la prakristanismo, kun sia severa moralo, devigis siajn adeptojn submeti sin al la ŝtataj leĝoj. Sed ĝuste en tiu malnova tempo troviĝas jam ĝermoj de komunista organizo, ĉe la Esenanoj kaj ĉe diversaj monaĥaj ordenoj. Sed la idealo de belega regno, de ora epoko neniam malaperis el la memoro de l' homaro, kaj estas nun lokita el la pasinto en la estonton. Oni revas pri la miljara regno, kiujn Jesaias kaj Ezeĥiel profetis.

Post eltrovo de Ameriko grave aliiĝis la ekonomiaj cirkonstancoj en Eŭropo. Al tio venis ankoraŭ la diversaj reformaciaj celadoj en la eklezioj.

En ĉi tiu tempo (1516) aperis la utopia verko de l' angla grandkanceliero Tomaso Morus »De optimo statu rei publicae deque nova insula Utopia« (Pri la plej bona respubliko kaj pli la nova insulo Utopio). Ĉi tiu verko estas la modelo de ĉiuj postaj ŝtatromanoj.

Kian efikon havis ĉi tiu verko en la tiama tempo, tion evidentigas, ke jam en la statutoj de Henriko VIII., kies kanceliero Morus estis, ni trovas kelkajn ideojn realigitaj, k. ekz. prizorgo por la laboristoj, reguligo de salajroj kaj nutraĵprezoj.

Komparante la Utopion de Morus kun la ŝtatidealoj de Platon, ni povas konstati, ke Platon estis filozofo, male Morus socialpolitikisto. La platona ŝtato baziĝas sur justeco kaj plenumo de civitana devo al la ŝtato. En Utopio de Morus temas pri plenumo de devoj de la ŝtato al siaj civitanoj.

Pasis unu jarcento antaŭ ol la Utopion de Morus sekvis samvalora verko. Intertempe furiozis en Eŭropo religiaj militoj kaj la utopia epizodo de rebaptantoj estis senglore finiĝinta. Jen aperis en 1620 la verko »Civitas solis« (Sunŝtato) de Tomaso Campanella, monaĥo de la dominikanoj, kiu post tre aventura vivo skribis ĉi tiun tiutempe ege sensacian verkon en malliberejo. La ideo de Sunŝtato ne estis nova, multon li prenis de Platon, pli eĉ el la Utopio. En ĉi tiu ŝtato estas la absoluta komuneco la ĉefa principo. La Sunŝtato estas la plej radikala kaj logika esprimo de komunista organizo.

Interese estas, ke ĝuste la Sunŝtato estis kvazaŭ praktike realigita. Ĉi tio estas unu el la plej interesaj eksperi-

mentoj de la historio. Mi pensas al la ŝtato de jezuitoj en Paraguajo, fondita en la mezo de la 17-a jarcento.

Samtempe kun Campanella, kvazaŭ naŭzita de la cinismo de lia verko, skribis la luterana teologo Johano Andrae la polemikan verkon »Rei publicae Christianopolitanae descriptio«, en kiu li prezentis la modelon de kristana ŝtato. Li estis ankaŭ fondinto de la sekto de Rozkrucanoj.

En la kontinentaj ŝtatoj estis la ideoj pri ŝtatproblemoj kaj -sistemoj tiutempe tre riskaj: la Habsburganoj kaj Burbonoj ne toleris ilin. Sed en Anglujo aktiviĝis en la 17-a jarcento pli libera pensado, kaj oni multe diskutis kaj kelkiom skribis pri ideala ŝtato. La plej eminenta tiutempa verko estas »Nova Atlantis« de Francisko Bakon de Verulam, kanceliero de la brita imperio en 1618 kaj posteulo de Tomaso Morus. La fundamenta ideo de lia verko estas: la feliĉo de l' homo estu akirata per scienca perfektiĝo. Liaj proponoj havis efektive bonan sukceson, ĉar jam unu jaron post lia morto estis fondita la »Académie Francaise« kaj baldaŭ post tio la »Royal Society« en London. Kaj nun sekvas abundo da ŝtatromanoj. Unu el la plej famaj estas la granda ŝtatverko »Oceana« de Jakobo Harrington. Ĝi estas tendencromano, prezentanta la historion de preskaŭ ĉiuj eŭropaj ŝtatoj sub ŝanĝita nomo. En ĝi estas elverkita la ideo de reprezenta demokratio.

Nomindaj estas krom tio la heroepolitika romano de Argenis de Barclay, la amuza historio de Sevarambio de Vairasse (1627), klasika verko de la franca literaturo, la utopia vojaĝa romano »La aventuroj de Jakobo Sadeur« de Gabrielo Foigny k. m. a.

Ankaŭ en germana lingvo aperis romano, titolita: La bone instalita ŝtato de l' ĝisnun de multaj serĉata sed ne trovita reĝlando Ophir«, de anonima verkisto (1699).

La fantazio ĉiam akomodiĝas al la progresado, ni trovas priskribon de ŝtato, kiun oni povas atingi per aerŝipo. Sed la principoj de kunevivado de l' enloĝantoj kaj de l' konstitucio estas ĉiam la samaj. La sola ŝtatromano skribita de kronita viro estas: »Interparoloj de eŭropano kun insulano de la regno Dumocala«, de l' ekzilita pola reĝo Stanislao Leszczynski. La lasta plej grava verko en ĉi tiu serio estas »La feliĉa nacio aŭ la ŝtato« de Felizien (1794). Ni trovas en ĝi multajn ideojn, kiuj estas karakterizaj por la moderna jura kaj konstitucia ŝtato.

Intertempe prepariĝis en Francujo gravaj aferoj. Oni pensis veninta la tempon por aliformigo de la ŝtato kaj de l' homa asocio. En 1755 eldonis Morelly la »Leĝlibron de la naturo«, en kiu li kompilis ĉiujn ĝisnunajn fantaziaĵojn kaj ilin formulis en efektiva kodekso, prezentanta veran juran sistemon.

La senpera efiko de ĉi tiu verko estas konstatebla en ĉiuj ŝtatfilozofioj en la dua duono de l' 18-a jarcento. Precipe en la Socia Kontrakto de Rousseau kaj en lia fama verko »Emile aŭ pri edukado«, en kiu li priskribas la idealan civitanon kaj predikas la reiron al la naturo. Goethe nomis ĉi tiun verkon »la naturevangelio de edukado«.

Post la franca revolucio malaperas por iom da tempo la utopio el la poeziado. Viroj kiuj nun ekagas, volas esti mem apostoloj de siaj ideoj. Estas inter ili kelkaj eminentaj viroj, tiel antaŭ ĉio Etienne Cabet, kiu en 1840 publikigis sian »Vojaĝo al Ikario« priskribanta la statojn en granda demokrata respubliko. Alia samspeca idealisto estis Roberto Owen, kiu provis efektivigi siajn ideojn en sia fabriko kaj fondi modelajn koloniojn laŭ komunistaj principoj. Lia nomo restos kunligita kun la komencaj fazoj de la angla sindikato. Samtempe kun Owen agis en Francujo grafo Saint Simon, kies ŝtatidealo estis, anstataŭigi

la feŭdan organizacion per industria. Nominda estas krome la libro de Bellamye, kies romano »Rerigardo el la jaro 2000 al 1887« faris antaŭ 30 jaroj grandan sensacion.

Ankaŭ la parodio kaj satiro ne mankis. Nomataj estu nur la germana romano »En la regno de homunkulidoj« de Rudolf Hawel kaj la plej nova dramo »R. U. R.« de l' ĉeĥa verkisto Ĉapek (aperinta ankaŭ en Esperanto.)

En la plejnovtempa literaturo aperis la epoka fama verko de Teodoro Hertzka »Freiland« (liberlando) kvazaŭ robinzonaĵo en leteroj, projekto al transformigo de la mondo. En ĝi estas ankaŭ priskribita la ideala ŝtato Nova Utopio. La grandiozaj ideoj de Hertzka vekis akran polemikon, kaj estiĝis pri ili ampleksa literaturo.

Tute alie prezentiĝas dua verko, t. n. »Die allgemeine Nährpflicht« (la ĝenerala nutraddevo) de la granda filozofo kaj suferinto Josef Popper Lynkeus, aperinta en 1912, kiel solvo de la socia problemo. Ĝi ne plu estas poeziaĵo, sed fundamenta verko de la mondliteraturo. Sendube oni uzos ĉi tiun verkon, kiam oni serioze intencos solvi la socialan problemon. Laŭ Popper Lynkeus estas la socia problemo identa kun institucio, taŭga por doni al ĉiu homo la neceson por vivtenado.

La socia problemo estas laŭ Popper solvebla per institucio de minimumaaŭ nutradarmeo, helpanta ĉion produkti kaj prizorgi, kio laŭ principoj de la fiziologio kaj higieno estas de la homo bezonata, kaj se havebla, ankaŭ iom pli, t. e. ĉion kio estas dezirinda por senzorga vivo.

Ministerio por vivtenado garantias al ĉiu: nutraĵon, loĝejon kun instalo, vestaron, kuracistan helpon kaj flegadon dum malsano. Ĉio kio ne apartenas al ĉi tiu minimumo, estas lukso laŭ individua libereco. Ni vidas la partigon inter necesaĵoj kaj nenecesaĵoj kaj kune kun ĝi liberan merkaton apud deviga laboro.

La verko de Popper Lynkeus postulus pli detalan recenzon, ne efektivigeblan en ĉi tiu spaco.

**Rimarko de la redakcio:**
Pro manko de spaco ne estis eble presigi la tutan tekston de ĉi tiu tre interesa prelego de nia ŝatata samideano. Ni devis forlasi la cititan enhavon de la nomitaj verkoj, kiujn cetere ĉiu povas mem laŭdezire legi.

## Feliĉa Amo.

Feliĉa am', benata difajrero,
De l' viv' plej alta ĝoj' kaj ben'! Vi jam
Ĉielon donas ja al mi sur tero —
Feliĉa am'!

Feliĉa am', neniam vi forpasu!
Pereus mi sen via mirbalzam',
Por teni vin mi ĉion eĉ forlasus —
Feliĉa am'!

Günter Erber-Graz.

## Rekordo.*

De Maria Lazar.

Serĉi sian feliĉon per sensence longa malsatado, tio ne estas ideo de pro mizero turmentata cerbo aŭ perversa fantazio. Cetere ĝi ne estas afero de unuopa persono, ĉar sen publiko, nome sen granda publiko tiaj artoj ne estas penseblaj. Oni povas do en tiaj kazoj prave paroli pri amasfenomeno, kiun iu estonttempa kulturhistoriisto certe konsideros same karakteriza por nia estanto, kiel tio estis la brulmortigo de sorĉistinoj en la mezepoko.

Multaj ideoj aliiĝis en la epoko de l' granda tekniko. La batalon anstataŭas konkurenco, la venkon rekordo. Rekordo venkas ĉion. Tiu, kiu plej bone naĝas, flugas, direktas aŭtomobilon, aŭ ludas tenis-on, estas heroo de la tago. Ju pli granda estas la amaso, lian faron priĵuĝanta kaj valoriganta, des pli populara

* Laŭ germ. originalo en »Der Tag« Wien (n-o 2298) kun permeso de la aŭtorino kaj redakcio.

li estas. Tunney estas pli fama ol Ŝaljapin. Tio estas komprenebla.

Sed la dioj ŝanĝas siajn vizaĝojn kaj se la celo sanktigas la rimedojn, ofte ankaŭ la rimedoj superas la celon. Same okazas ĉe rekordo: se komence ĝi estis rimedo por la celo, nome de la celo, atingi la plej bonan faron kaj antaŭenigi ĝin en la unuan vicon, kie ĝi estas sufiĉe admirebla, nun la rekordo fariĝis celo de l' vivo, dio, monstranco, fetiŝo.

La plej nova fetiŝo estas la rekordo. Ne la bona, malnova, iama rezultato de certa faro, sed por tiel diri la rekordo en si mem. Ĉiuj taksadoj malaperas, restas nur funkciadoj, tiel sensencaj, ke oni povas ilin fari ne plej bone, sed plej longtempe. Daŭraj rekordoj! Kiu kapablos seninterrompe dekmilfoje kraĉi, tiu povas akiri la admiron de la mondo. Rekordon oni ne plu taksas laŭkvalite, (kiu ludas plej bone fortepianon?) sed laŭkvante (kiu ludas plej longe?).

Kion admiras scivolaj gapantoj ĉe viro, elbatanta dum 76 horoj aĉaĵojn el fortepiano? Lin mem! Apenaŭ. Li aspektas kvazaŭ ĝismorte senfortitiga. Ĉu la ludon? Dubinde. Ĝi absolute ne estas bela, kion oni ja eĉ ne povas pretendi. Kion do je diablo? La nombron 76.

La nombro akiris magian forton. Mil virvoĉoj kantas en unu horo, cent knabinkruroj dancas sur scenejo, aŭtomobilo furiozas kolrompige multajn kilometrojn longe, fabriko produktas teruriganan kvanton da aŭtomobiloj, kanto fariĝas gramofondisko, homo milfoje turnata filmo, ju pli, ju pli, des pli bone, des pli rapide, la vivo fluas sur la kuranta rubando. Kelkaj argentiniaj maŝinoj dispecigas milionojn da bovoj por fari konservojn, unu fabriko de venenaj gasoj povas neniigi la popolojn de Eŭropo. Unuvorte, la tekniko ludas per nombroj, al neniu fantazio imageblaj, ĝi multobligas la vivon ĝi multobligas la morton, ĝi faras el la terglobo kolosan magazenon.

Ĉu estas do mirinde se homo, estanta jam de longe ne nur sklavo de la maŝino, sed fariĝinta ĝia plej arda adoranto kaj tial ankaŭ ĝia imitanto, estas nun kutimiĝinta al la magio de l' nombro, al rekordo de kvanto? Certe estas eltrovebla ankaŭ aŭtomata pupo, dum tagoj seninterrompe dancanta. Sed antaŭ ol ĝi ekzistas, venas la homo, provanta ĝin imiti, ĝis lia koro, ĉi tiu ne fidinda mekanismo, kreita de kaprica naturo, rifuzas la funkcion. Ĝis li perdas la fortojn, premite de honto, ke ĉi tiu koro ne plu estas streĉebla kvazaŭ horloĝo, ke liaj muskoloj malenergiiĝas, ke li havas nervojn, sangon kaj vizaĝon.

Rekordo de kvanto estas rekordo de tekniko. Same kiel organismo ne estas kreebla en retorto, same ne estas konstruebla el organismo iu maŝino.

## El mia vivo.

(Daŭrigo.)

J. Ŝirjaev-Baklanka, USSR.

Fininte la kurson de la lernejo, mi dum kvin jaroj estis popola instruisto en unu granda vilaĝo, kuŝinta je 35—40 kilometroj de la poŝtejo. Antaŭe mi alkutimiĝis al ofta sendado kaj ricevado de mia eksterlanda korespondaĵo, nun mi estis senigita je tiu ĉi plezuro, ĉar la poŝtejo, kiel mi diris, kuŝis tro malproksime kaj neniu interesiĝis pri ĝi. En la vilaĝo neniu ion abonis kaj nur malmultaj loĝantoj de ĝi iafoje ricevis de ie leteron. Pro tio mi ricevis miajn poŝtaĵojn tre malofte kaj hazarde. Iafoje okazis, ke oni perdis aŭ ŝtelis poŝtaĵojn adresitajn al mi, iafoje oni alveturigis al mi tian grandan kunligaĵon da ĉiuspeca korespondaĵoj amasiĝintan en la poŝtejo, ke ili kovris tutan mian tablon kaj mi pasigis super ili sendorme tutajn noktojn. Malkleraj poŝtistoj ĉiam miris pri mia pasio al eksterlanda korespondado kaj, ne povante ĝuste kompreni ĝian sencon kaj signifon, estis emaj vidi en mi eĉ »danĝeran« homon, ian socialiston, kaj semis pri mi tian famon, kio kon-

dukis al malagrablaj kunpuŝiĝoj kun ne malpli malkleraj policistoj. Feliĉe, ĝustatempa enmiksiĝo en la aferon de iu mia amiko ĉesigis la kalumnion, savis min de malagrablaĵoj kaj ree iom post iom enportis perditan pacon en mian animon.

Du okazintaĵoj reliefe elstariĝas sur la malluma fono de ĉi tiu mia kampara vivo kaj mi ne povas prisilenti ilin. La unua estis ricevo de bronza medalo, aljuĝita al mi en literatura konkurso 1900 de Franca Societo por propagandado de Esperanto (s-ro L. de Beaufront) kaj mia E.-vojaĝo tra Volga. Tre komprenebla ĝojo kaj kelka interna fiereco estis sekvo de la unua, la dua superis ĉiujn miajn plej kuraĝajn revojn kaj esperojn kaj tre kuraĝigis min, liverinte al mi multajn amikojn, kun kelkaj el kiuj mi multfoje havis plezuron poste kunpuŝiĝi sur la vojo de l' vivo. Pri tiu ĉi vojaĝo mi revis delonge kaj tiucele ŝparis ĉiun ŝpareblan kopekon el mia modesta salajro. En la komenco mem de unu somero mi skribis leterojn al tiuj nemultenombraj samideanoj, kiuj tiutempe loĝis en apudvolgaj urboj, petante ilin, se eble renkonti min kaj konatiĝi kun vidindaĵoj de siaj loĝlokoj. Ĉiuj el ili senescepte respondis al mi kaj en plej varmaj esprimoj petis, ke mi venu kaj eĉ uzu gastamecon en iliaj familioj. Precipe surprizis min unu letero de polo, s-ro V. K. Tenisov, el Niĵnij-Novgorod. Li sciigis min, ke li estas oficiro kaj loĝas malproksime de la urbo en milita tendaro, ke privataj personoj ne rajtas veni tien aŭ loĝi tie, ke li mem sen speciala permeso ne povas fari eĉ unu paŝon post la limojn de la tendaro. »Tamen vi ne malĝoju«, li daŭrigis en la letero, »mi jam ricevis permeson de la estraro akcepti kaj gastigi vin en mia tendo, ankaŭ renkonti vin ĉe la vaporŝipalbordiĝejo. Telegrafu pri la tago kaj horo de via veno. Mi atendas vian venon kun malpacienco kaj vin kun etenditaj brakoj.« (Daŭrigota.)

## Dek reguloj por Radio-amikoj.

1. Aŭskultu la E.-dissendojn: ili estas farataj por vi!
2. Se vi mem ne posedas ricevaparaton, aŭskultu ĉe konato: tiel vi samtempe propagandas E.-on!
3. Sendu al la Radio-stacioj, precipe eksterlandaj, informon pri viaj observoj kaj deziroj: tiel vi utilas al Radio!
4. Skribu mallonge, objektive kaj klare: en la sendostacioj oni havas multan laboron, sed malmultan tempon!
5. Al stacioj sur la teritorio de via propra lingvo skribu en ĉi tiu, al eksterlandaj stacioj — en E.: tiel vi respektas la rajton de gepatra lingvo kaj tiun de E.!
6. Varbu ĉe viaj konatoj por E. kiel Radiolingvo: tiel vi varbas por egala rajto de ĉiu!
7. Instigu viajn konatojn, precipe eksterlandajn, komuniki al la Radio-stacioj observojn kaj dezirojn pri E.-dissendoj: la stacioj bezonas tian eĥon el la aŭskultantaro!
8. Postulu E.-dissendojn, ne nur kursojn: antaŭ ĉio postulu por internaciaj aranĝoj la internacian helplingvon: por universala Radio — la universalan lingvon E.
9. Postulu, ke via Radio-gazeto publikigu la programon pri E.-dissendoj: la redakcioj volonte plenumas la dezirojn de legantoj!
10. Komuniku viajn observojn, kiel aŭskultanto de E.-dissendoj, al la komisiono por internacia statistiko pri E.-dissendado (Adreso: Johannes Jungfer, Lübben N.-L., Lindenstr. Nr. 10, Germanujo): tiel vi utilas al Radio, al E., pleje al vi mem! Behrendt.

## La kalendara reformo ekmarŝas — laŭ propono Blochmann.

Ke la Gregora kalendaro, kvankam multe pli bona jam ol la julia, tamen ankoraŭ ne taŭgas glate por modernaj trafiko kaj vivadkutimoj, tio ne estas io nova. Reformproponoj ne mankas, sed la ĝisnunaj ne perfekte solvis la problemon. Nun d-ro Rud. Blochmann-Kiel simplege kaj ĉiel kontentige solvis ĝin.

La monatoj I, IV, VII, X estas 31 tagaj, la aliaj 30 tagaj, la jarkvaronoj estas do egallongaj (91), ĉiu monato havas egale 26 labortagojn. En ĉiu jaro (91×4) estas 364 tagoj plus unu, fiksita post junio kiel „jarmeza tago" sen semajntaga karaktero, same ĉiun kvaran jaron la supertago estas aldonata al decembro. La sistemo estas tiom simplega, ke ĉiu povas enmemorigi ĝin unuavide, ankaŭ nespertulo pri tabeloj. Fiksitaj pasko (8. aprilo) kaj pentekosto (26. majo), plue, ke la kristnaska vespero estos ĉiam dimanĉe kaj tial ne ekzistos trafikĝenanta dimanĉo

inter kristnasko kaj novjaro, plue, ke ĉiuj interrespondaj tagoj diversjaraj havas egalan semajntagan karakteron k. s., — ĉio ĉi prezentas nepridubeblajn avantaĝojn por trafiko kaj mastrumado ĝenerale, por fervojo, lerneja, teatra, bilanc-jaroj ktp. ktp.

Tial la propono ankaŭ ĉie trovis entuziasman aprobon inter spertaj praktikuloj. Ekzemple la prezidanto de la germana supera poŝtdirektoraro (en letero d. d. 7. junio 1928 al Blochmann-Societo) detaligis la avantaĝojn por la regna poŝto (plikontinuigo de la servo, reguligeblo perfekta de la deĵorado, profito por la paginterrilatoj, por la bilancjaro, kasotekniko, salajrokalkuloj ktp.) kaj finas jene: „Laŭ ĉiuj tiuj preferoj de via ideo la germana regna poŝto funkcie, personare kaj ekonomie grave profitus. Pro tio mi tre deziras, ke viaj klopodoj kaj celadoj tutege sukcesu, via ideo realiĝu! Kun ega altestimo mi estas via sindona Weberstedt."

Detalajn informojn oni trovas en la broŝuro „Kalendarreformo kun fikso de pasko" (Eld. Volkswohlverlag Kiel, Lornsenstr. 24, prezo Rm. 2).

Ĉar la tuta oficistaro de Blochmann-Societo deklaris ellerni kaj praktike uzi E.-on, bonvolu skribi en E. kaj instigi viajn poŝtistajn rondojn pri la afero konigante ĉi artikolon kaj la broŝuron al ili. Gazeteltranĉaĵojn vi povas sendi ankaŭ al s-ro sup. instruisto Ernst Klemm, Chemnitz, Germanujo. Walter Smital-Wien.

## Gravaĵoj.

**Volkshochschule Wien** laŭ peto de pli ol 150 personoj enkondukos nian lingvon en septembro.

**Propagandistoj atentu** la fakton, ke gravaj sciencistoj diverslandaj ne hezitis eniri la Honoran resp. Kuratoran Komitaton de IEMW! Studu la nomaron sur pĝ. 1!

**27 E.-policistoj** el la lerneja taĉmento, nia juna gvardio, deĵoros la unuan fojon dum Antaŭkongreso kun la E.-insigno. La kursoj tie estos daŭrigataj en septembro.

**Int. Ekspozicio en Barcelona** aron da samideanoj logos tien. Aparte starigita E.-renkontejo sto. Durán y Bas. 8-pral. akceptos kaj informos ĉiulabortage 6—8 h vesp.

**Int. Junultendaro** sur kastelo Freusburg 5.—12. aŭg. 1929. Informoj ĉe Hedwig Eichbauer, Hamm a. d. Sieg.

**Kuracloko Kalksburg ĉe Wien.** La plibeliga oficejo eldonis ilustr. varbfolion kun kelkaj frazoj en E. Informoj per Ernst Majtanic, friz., del. UEA, Kalksburg, Makgasse 1.

**Aŭstria Esperanto-Asocio**
Wien, I., Annagasse 5

**E.-grupo Baden** aliĝis al AEA.

**Likvido de Aŭstria E.-Kongreso 1928.**

La nete restinta mono estas laŭ la antaŭa decido de l' kongresa komitato dividita jene:

| | | |
|---|---|---|
| IEMW | 45 % | = 107·50 S |
| LKK XVI | 25 „ | = 59·72 „ |
| Landa org. | 15 „ | = 35·83 „ |
| Grupo Baden | 15 „ | = 35·83 „ |
| Sumo: | 100 % | = 238·88 S |

Hugo Steiner, prez.

## Rimarkindaj presaĵoj.

**Heroldo de Esperanto, Köln:**

**Esperanto ein Kulturgut?** Sein Wesen und Wert im Feuer der Kritik. Von Studienrat Dr. I. Kreutzer. Preis Rm. 1.80. Wie alljährlich zur Tagung des deutschen Esperanto-Kongresses erschien auch in diesem Jahre eine Festschrift, die sich allen bisherigen würdig anreiht. Mit bewundernswerter Gründlichkeit ist in dem 112 Seiten starken Buch alles Wissenswerte über frühere und spätere Weltsprachenversuche, über Wesen und Notwendigkeit einer Welthilfssprache und insbesondere über Entwicklung, Anwendungsgebiet und Bildungs- und Kulturwert des Esperanto zusammengefaßt. Es folgen dann Forderungen und Vorschläge für Schule und Behörden, und zum Schluß ein »Dank« betiteltes Gedicht, dessen zwei letzte Zeilen in dem Ruf ausklingen:

Laßt die edle Saat uns hüten,
Wirken an der Menschheit Glück!

Ein Wall von Bedenken und Vorurteilen muß niedergelegt werden, um der Esperantobewegung die Bahn frei zu machen. Diese notwendige Aufräumungsarbeit ist die eine wichtige Absicht der vorliegenden Schrift, die dem Esperantisten als eine unentbehrliche Rüstkammer, dem Nichtesperantisten als ein sicherer Wegweiser in Neuland dienen möchte.

Mit diesen einleitenden Worten des Verfassers sei das ausgezeichnete Werk allen auf das Wärmste empfohlen. Dr. Sós.

**Aelita** aŭ la Marso formortanta. Romano de Alekso Tolstoj. El rusa lingvo tradukis E. Pill. Ilustrita de Geo Schmidt. Prezo kart. Rm 3.20 (sv. fr. 4.—), duontole bind. Rm 4.80 (sv. fr. 6.—).

»Inĝeniero M. S. Losj invitas dezirantojn flugi kun li la 18-an de aŭgusto al planedo Marso...« Okaze de intervjuo diras la inĝeniero al amerika ĵurnalisto Skajls: »Post kelke da jaroj vojaĝo sur Marson estos ne pli komplika ol transflugi de Moskvo al Berlino«. Troviĝas efektive flugkamarado, la soldato Alekseo Ivanoviĉ Gusev, kaj ambaŭ kunetransfluginte la eteron, atingas Marson. Iliaj travivaĵoj sur la malproksima planedo estas detale, tro detale, priskribataj en ĉi tiu fantazia romano, superanta eĉ la fantaziaĵojn de Robida kaj Verne. Ĉi tiu verko — diras la aŭtoro — estas plejmulte legata de la gejunularo en U. S. S. R. La perfekta traduko ebligos ĝian legadon ankaŭ al la tutmonda E.-junularo. Ne estas eble redoni en mallonga recenzo la ampleksan enhavon de ĉi tiu 200paĝa verko. Je fino de la libro troviĝas klarigoj de ekzotaj vortoj. La uzo de sufikso »oz« en la vorto »polvoza« ne estas laŭfundamenta. La eksteraĵo de la libro estas eleganta kaj ĝi meritas lokon en ĉiu biblioteko. Gejunularo, aĉetu kaj legu ĝin! Dro Sós.

**„Lehrgang des Esperanto"** von Dr. Ing. Ellerbeck-Berlin, Verlag H. S. Hermann & Co., Berlin SW 19. Ĉi tiu lernolibro estas certe unu el la plej bonaj por germanoj. Ĝia aŭtoro bone konas nian literaturon. Gramatikaj malfacilaĵoj ofte tre lerte estas klarigataj (diferenco inter adjektivo kaj adverbo, uzo de akuzativo, de participo, traduko de germana „von" ĉe verbo pasiva, partumoj decimalaj, la sufiksoj ig kaj iĝ ktp). La uzo de la sinonimoj ne ĉiam estas indikita ĝuste (komp. do, ja, revi) kaj ili eĉ estas intermiksitaj. Malkorektaĵoj en la teksto troviĝas nur malmultaj (unu . . . la alia por germana „einander", „ĝi" nepersona, po unufoje). Agrablaĵo estas, ke la aŭtoro ne donas leĝojn tro rigidajn. La vorttrezoro de la libro (vortaro mankas!) kelkfoje enhavas vortojn ne tre ofte uzitajn (ekz. sorpo), multajn praktikajn esprimojn (masoni, ĉarpenti, fazeolo ktp.) kaj germanajn radikojn malmulte konatajn (mopso, pudelo, klingo, dogo, vato, juki, pumpo). „Obligite per" mi preferus forstreki, anstataŭ „dika fingro" oni diru „polekso". Krome mi rimarkis trouzon de „por", kelkfojan elekton de malsimplaj ekzemploj (ĉevalejestro, ornamiĝema) kaj preferan aplikon de deverbaĵoj sensufiksaj (brula, nutra, ofendo, kapablo, egalo, fiero). Agrable tuŝis min la observo, ke la celo de la libro estas ne eduko de iu „unuiĝano", kiu scias „malfermi kunsidon", sed de „praktika diealisto" uzanta helplingvon.

D-ro fil. Wolfg. Biehler-Graz.

**Hirt & Sohn, Leipzig:**

**Nobela Peko** de Mihail Sadoveanu. El la rumana originalo tradukis Tiberio Morariu. (Intern. Bibl., vol. 21.) La aŭtoro, membro de la Rumana Akademio, estas »sendube la plej forta kaj valorplena nuntempa prozisto rumana . . . kiu antaŭ la akademia eternigo jam akiris senmortecon ĉe la publiko lin adoranta.« Ni povas do danki al la tradukinto, ke li konigas al ni, krom la titolon portanta, ankaŭ du aliajn ĉarmajn skizojn: »En Arbaro Petriŝor« kaj »La Sciigantoj«, el la verkaro de ĉi tiu distinga poeto.

En la novelo »Nobela Peko« respeguliĝas la marĉa regiono ĉe la rumanlanda Danubo, sunleviĝo, sunsubiro, kanejo kaj silikarbetejo kun sovaĝa ĉasbirdaro kaj fiŝoj. La novelo temas pri juna bienposedanto nobela kaj lia tragike finiĝanta amaventuro kun la filino de malriĉa pejzaĝano. Kun verva plastiko aperas antaŭ la leganto la karakterizaj figuroj de l' agantaj personoj. La stilo estas bildoriĉa kaj per la perfekta traduko bonege reproduktata.

». . . kiam la suno, ruĝa kiel sango, flamatingis la fenestrojn.« ». . . alaŭdoj tremigantaj melodiojn voĉkaskadojn . . .« »La senfina kampo graveda je pano . . .« ». . . ora polvo filtriĝis tra la verda laŭbo kaj tremis en lumfloroj . . . « — jen nur kelkaj ekzemploj de poeziaj formoj.

»En la Arbaro Pertiŝor« estas kortuŝa skizo pri pafvundita kaj en kaŝa soleco mortanta kapreolo, pri doloro de estaĵoj ne povantaj paroli por plendi.

»La Sciigantoj« rakontas pri du knaboj marŝantaj en frosta kristnaska nokto, por kanti en vilaĝanaj domoj. Ĝi estas pentraĵo de ĉarma popola moro.

Entute, la 66 paĝa libreto estas tre leginda kaj donas al ni per la ekzakta traduko la eblon ĝui belan verkon el alinacia literaturo. Kiel ĉiuj Hirt-aĵoj ĝi estas belaspekta, la presaĵo klara. Ni trovis nur ses preserarojn.

Ni esperu, ke nia ŝatata samideano M. pliriĉigos nian literaturon ankaŭ plue per samvaloraj tradukoj. D-ro Sós.

**C. K. de SEU, Moskava, Spiridonovka 15:**

**Andreev A. P.:** Revolucio en lingvoscienco jafeta teorio de akademiano N. Marr. 40 pĝ. 20 kop. 1929. Ruslingve.

## Kie oni renkontas E.-istojn?

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Schönaugasse 6/II, Vereinsheim (kunv.) »Pastete«, Sporg. 28, Do (ĵ) 20—23 h.

**Leoben.**

Esp.-Verein für Steiermark: Cafe Weidbacher Mittwoch (me) 20—22 h.

**Innsbruck.**

Esperanto-Klub, Gasthof »Grüner Baum«, Museumstraße. Mi (me) 20—22 h.



**Wien.**

Katolika Unuiĝo E.-ista en Wien, I. Schottenhof (Akademikerheim) Mi (me) 18·00—20·00 h.

Esp.-Unuiĝo-Wien, I., Annagasse 5, I-a et., klubejoj de »Politische Gesellschaft«, Fr. (v.) 19·30 h.

Aŭstria Pacifista Esp.-Societo, IV., Schäffergasse 3, Mi (me) de 19 h.

Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3, ĉiutage 17—19 h.

Viena Akademia Unuiĝo Esp., VII., Neubaugasse 25, Cafe Elsahof, Mo (l) 19—23 h.

Esp.-societo »Fideleco«, Währinger Bürgercafe, XVIII., Staudgasse 1, Di (m) 16—19 h.

Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Hugo Steiner, Bisamberg 248.
Presejo: Franz Reifmüller, Wien, I, Johannesgasse 6